# ALVOKO AL INĜENIEROJ-ESPERANTISTOJ PRI INTERNACIA TEKNIKA KONGRESO

Vi eble scias, ke internacia teknika kongreso okazos en Tokio sub la patronado de L. M. Princo Ĉiĉibu kaj la honora prezidanteco de la ĉefministro Barono Tanaka (kaj la agada prezid. D-ro Barono Furuiĉi) dum du semajnoj de la 29-a de Okt., 1929.

Laŭ la programo estos 23 fakaj kunsidoj kaj antaŭ-, dum-, kaj postkongresaj ekskursoj al diversaj lokoj.

Estas informite, ke jam estas 350 aliĝintoj el Eŭropo kaj Ameriko. Kvankam ni ne scias kiom da Esperantistoj sin trovas inter la aniĝintoj kaj pluaj aniĝontoj, ni opinias, ke venas al ni la plej bona okazo ne preterlasebla por vigligi nian movadon.

Ni do nun turnas nin al vi, samideanoj-inĝenieroj, petante, ke se vi estas partoprenontoj, bonvolu subskribi kun ni en ĉisubaj proponoj, kiujn ni intencas prezenti al la kongreso, kaj se sin trovas partoprenontoj inter viaj konatuloj, volu konsili al ili ankaŭ subskribi, eĉ se ili ne estas Esperantistoj.

Jen la provizora teksto de la proponoj, kiujn revizi, se necesas, ni estas pretaj laŭ viaj konsiloj:

## Proponoj al la Internacia Teknika Kongreso. Tokio, Okt.-Nov., 1929.

Konsiderante la rapidan progreson de la internaciaj rilatoj pro la lastatempa disvolviĝo de interkomunikado.

Konsiderante la mirindan facilecon de la internacia lingvo Esperanto precipe ĝian neŭtralecon plej grava.

La subskribintoj proponas:

1) Ke la oficiala lingvo de la internacia teknika kongreso estu de la sekvonta fojo Esperanto, kaj ĉiu partoprenanto estu tiel egale rajtigita kiel aliaj uzi sian propran lingvon laŭvole, kondiĉe, ke oni nepre aldonu tradukon en Esperanto.

2) Ke por akceli praktikan uzadon de Esperanto inter inĝenieroj tutmondaj, kiel la plej efika rimedo por interŝanĝi sciojn kaj por interamikiĝi inter si estu nomata agada komitato por komisii jenajn taskojn:

a) Kompili sub aŭspicoj de la Esperantista Akademio en Parizo vortaron de inĝeniera terminaro.

b) Eldoni organan gazeton kaj inĝenierajn librojn en Esperanto.

Rilate al la libroj estas rekomendinde, ni opinias, ke oni traduku antaŭ ĉio inĝenierajn poŝlibrojn, kiuj pritraktas plej vaste pri diversaj branĉoj de la inĝeniera scienco, ekz. "Das Ingenieurs Taschenbuch" de "Hütte", ktp..

Estimataj Samideanoj! Bonvolu subteni nin en la projekto kaj komuniki al ni la nomon, naciecon kaj specialajon, ekz. meĥanikisto, ĥemiisto, arkitekto, ktp. de la subtenantoj, por ke ni povu prezenti la proponojn kiel eble plej frue al la komitato koncernanta.

Samideane Viaj K. Takahaŝi, Del. U. E. A
Civila inĝ.
T. Minoda, Civila inĝ.
Ĉe Tecudô Kjôkai (Fervoja Asocio) Jûraku-ĉo, Tokio.

# SKIZOJ DE INDNEZAJ POPOLOJ.

Prof. E. Asai, Fremdlingva Kolegio, Osaka

## LINGVA PROMENADO

Se oni faros liston de Indoneziaj lingvistoj, oni trovos, ke plejmulte de ili apartenas al la holanda nacieco — Snouck-Hurgronje, Adriani, Jonker, Kern, Brandes, van der Tunk k. t. p.. Tamen tiu, kiu metis la indonezian komparan lingvosciencon en sciencan sistemon, se ne kompletan, estas svisa filologo nomata D-ro Renward Brandstetter, kiu skribis dekojn da monografojn sur tiu ĉi branĉo de lingvoscienco, kaj lerte montras al ni indonezian pralingvon. Angla traduko de liaj ĉefaj verkoj titolita "An Introduction to Indonesian Linguistics. London 1916" estas facile havebla kaj servas al studentoj de la indonezia lingvoscienco kiel la plej bona *enkondukanto.*

Nun ni komparu kelkajn vortojn en diversaj indoneziaj lingvoj. Eĉ malmultaj ekzemploj estas sufiĉaj por doni al legantoj impreson de lingva simileco de indoneziaj popoloj.

1. SUNO. En indoneziaj lingvoj "suno" aperas ĝenerale kiel *raŭ, laŭ, daŭ.* En indoneziaj lingvoj tri konsonantoj *r, l, d* ofte interŝanĝiĝas. Kaj ofte antaŭ tiu *raŭ, laŭ* aŭ *daŭ* silabo *a* aŭ *an* estas metata. Jen Ekzemploj: Tagalog (Phillipines) *araŭ.* Botel-Tobago (insuleto apud Formoso) *araŭ.* Gayo (Sumatra) *lo* — en Gayo diftongo *aŭ* fariĝas *o*, komparu, Malaja *rantaŭ* "marbordo" > Gayo *ranto.* Carisen (Formoso) *adao.* Dayak (Borneo) *andaŭ.* Malagasy (Madagascar) *andru.* Paiwan (Formoso) *kadao* — en Paiwan dialekto *k* estas metata antaŭ komenca *u*, ekzemple, Ibanag (Phillipines) *ulu* "kapo" > Paiŭan *kuro.*

Por la vorto "suno" troviĝas alia formo *ari* aŭ *wari*, kies *r* diferencas en sia valoro de *r* enhavata en *raŭ*, ĉar la unua povas ŝanĝiĝi en *g, h,* kaj aliaj, kaj la lasta en *l, d* kaj aliaj. Indoneziaj lingvistoj, do, konjektas, ke en originala indonezia (kies mallongigo IN) pralingvo ekzistis du specoj de *r*: denta *r*, kiu ŝanĝiĝas en *l, d* (nomata RLD-Leĝo) kaj uvulara *r*, kiu ŝanĝiĝas en *g, h* (nomata RGH-Leĝo). Por bone kompreni IN fonetikajn fenomenojn estas necese memori ĉi tiujn du sonleĝojn. Nun mi klarigas kiel la *ari-wari* formo sin montras en diversaj IN lingvoj. Toba (Sumatra) *ari.* Malaja *hari*—malaja lingvo metas *h* antaŭ komenca a, ekzemple, Toba *ati* "koro" > Mal. *hati.* Bali (apud Java) *ahi.* Vonun (Formoso) *war.* Tajal (Formoso) *wagi.*

IN popoloj ofte aldonas *mata* "okulo" por esprimi "la sunon": Malaja *mata hari* "tagokulo"; Toba *mata ni ari* "okulo de tago".

2. LUNO. Mal. (mallongigo de Malaja) *bulan*. Mlg. (mallongigo de Malagasy) *wulana*. Java *wulan*. Malaja *b* fariĝas *w* en Mlg. kaj Java, ekzemple, Mal. *batu* "ŝtono" > Mlg. Java *watu*. Estas notinde ke Mlg. vortoj finiĝas per vokaloj, kaj ankaŭ ke vorto, kiu finiĝas per iu konsonanto en aliaj lingvoj, ricevas helpa sono *a* al la finiĝo—p. e. originala IN *inum* "trinki" > Mlg. *inuna*. Ibanag *bulan*. Magindanao (Philippines) *ulan*. Formosaj dialektoj: Pujuma *ruran*, Pepohwan *buran*, Ami *bulad*, Cuihwan *fural*, Vonun *boan*. IN *b* fariĝas *f* en Cui-hwan; alia ekzemplo —IN *batu* > Cui *fatu* (tiu ĉi *f* ŝajnas esti bilabiala aŭ dulipa, ĉar ĝi estas transskribita *fwatu* en raporto de Bullock 1874-5). Meza *l* malaperas en Vonun, komparu, IN *walu* "ok" > Vonun *wao*. Estas rimarkinda fenomeno, ke en Formosaj lingvoj finaj *l, n, t,* kaj *d* interŝanĝiĝas. Unu vilaĝo de la suda tajala tribo elparolas *kajal* por "ĉielo", sed najbara vilaĝo de la sama tribo elparolas *kajan*; *tajal*—tribnomo signifanta *homon* —en unu vilaĝo, sed *tajan* en alia vilaĝo. Rilate al tiu ĉi *tajan* "homo" mi volas citi el Japana Geologia Enciklopedio de Joŝida-Togo: la landonomo de Formoso estas nun skribata ĥinlitere 臺灣 tai-wan, sed antaŭe ĝi estis skribata 大員 aŭ 大宛 elparolo tai-jen, kaj tiuj ĉi estas ĥinlitera transskribo de vorto *tajan* "homo" de la lingvo de unu suda civilizita aborigena tribo. Tiu konjekto estas prava. La nomo de la originala opinianto ne estas donita, sed kredeble la mortinta fervora formosologiisto Ino estus la unua opinianto. Komprenemble *tajal* de la norda Tajal tribo rilatas al *tajan* de iu suda tribo, kaj ambaŭ rilatus al komuna IN *tau* "homo".

Indoneziaj popoloj ofte uzas metaforon por esprimi "suno" kaj "luno". "Luma", "Varmega", "Brulanta", "Oro", por la Suno, kaj "Brilanta", "Arĝenta", "Ŝipo", "Remisto" por la Luno.

3. PATRO. Preskaŭ ĉiuj filipinaj dialektoj esprimas per *ama*. Mongondon (Celebes) *ama*, Bolongan (Borneo) *tama*, Java *ama* aŭ *rama*. Gayo (Sumatra) *ama*, Mlg. *zama*, "patro, onklo", Masaret *ama*. Formosaj dialektoj: *ama*, *tama*.

*ra*, *ta* de *rata*, *tama* estas originale artikloj. Mlg. *zama* < *jama* < i+ama; *i* estas ankaŭ artikolo. En IN lingvoj ekzistas artikoloj: *i*, *a*, *la*, p. e., Tiruray (Phillipines) *fantad* "tero" *i fantad* "la tero", Gayo *anak bujan a* "knabo granda la".

4. PATRINO. Filipinaj dialektoj: *ina*, Mlg. *reni* < ra+ina, Tarakan (Borneo) *ina*, Simalur *ajah*, Formosaj dialektoj: *ina*, *tina*.

(*daŭrigota*.)

# EN LA ŜIPO SUR "LA DONAU"

de Toki-Zenmaro trad. de jap. Kijohiko Macumoto.

Alveninta ĉe la bordo de "la Donau," mi trovis min staranta kontraŭ la kota fluo de la rivero, kiu larĝe kaj malvarme etendiĝas antaŭ miaj okuloj.

Ĝisrande enakvigita, ligite staras ĉe la bordo vaporŝipo, en kies internon mi ekiris laŭlonge de provizora ponteto. Mi ekpensis al mi, transirante malsupren la ponton, ke mi kvazaŭ malleviĝus ĝis la fundo de la rivero; kaj samtempe el miaj piedpintoj trakuris sento dezerte soleca. En tiu sama momento ekatakis mian orelon basa voĉo nek germane, nek france, nek angle, sed en iu al mi tute fremda lingvo. Surprizita mi eklevis mian kapon al tiu, kiu min alparolis kaj tiam lia voĉo ricevis pli da mordanta tono. Lia malbela eksteraĵo, portanta grasmakulitan laborveston donis plej bonan pruvon de lia ŝiplaboristeco, sed tamen lia gesto minacanta per hororiĉaj fingroj neniom helpis al mi interkompreniĝon.

Posedante bileton por la ŝipo, mi perfekte sentis min ĉe mi kaj trankvile elprenis el interna poŝo duonfalditan bileton kaj ĝin montris, rapide turnante ĝin en la mano, tiel kiel oni dorlotas infanon per ventmuelileto. La viro ekgrimacis per sia tuta vizaĝo nerazita kaj malpurega kaj etendante kontraŭ mi la brakojn, skuegis minace siajn ŝultrojn.

"Diablo prenu la azenon, se ĝi ne volas kompreni!" tiel mi insulte murmuretis en mi kaj ekiris sur la ferdekon. Jen li ankoraŭ obstine postsekvis min kaj mi nun komencis senti kelkan timon je li. Subite mi ekturnis min kontraŭ li kaj ekkriegis en japana lingvo: "Kion vi ja volas?" Mia voĉo trasonis ridinde akre tra la malseka vento en aŭtuno super la rivero. En tiu momento, mi ekaŭdis voĉon klare al mi kompreneblan: "KIO OKAZIS AL VI, SINJORO?" Tio estis en ESPERANTO. Estis ja tute ne atendita afero, ke mi renkontis samideanon en ĉi-tia loko, kvankam mi kutimis porti sur la brusto insigneton de verda stelo, ĉiam esperante, ke mi hazarde renkontus ie samideanojn. Supozeble la ĝentila

---

〔ドナウ〔ダニューブ〕河の船上にて〕

【註】 al'ven'i 到着する。 mi trovis min staranta 私は……に立つてゐる私を見出した。kota fluo 濁流。 etend'iĝi ひろがつてゐる、のびてゐる。 ĝis'rande 縁まで。en'akv'ita 沈んだ。lig'ite 結びつけられて。laŭ'longe de に沿うて。 provizora pont'eto 假橋。trans'iri la ponton 橋を渡る。 mal'lev'iĝ'i 沈む、下りる。fundo 底。 pied'pinto 足の爪先。 dezerte 砂漠の様に人影なく寂寥なる事。 basa voĉo 低い聲。 surpriz'ita 驚いて。al'paroli 話しかく。 mord'anta 嚙みつく様な。 ekster'aĵo 外觀。gras'makul'ita 油じみた。 gesto 身振り。 minac'anta 威嚇的な。 har'o'riĉa 多毛の。

samideano, ekrimarkinte verdas stelon sur la maldekstra kolumo de mia surtuto, tuj volis savi min el tiu mia 'grava situacio.'

" Dankon, sinjoro. Mi nur ne komprenas, kion tiu viro de mi postulaĉas." —mi respondis al mia nova konato. Li tuj ekturnis sin al la viro, kiu alproksimiĝis al mi kun treniĝanta paŝo. Tuj kiam li interŝanĝis kun la la viro kelkajn vortojn, ili reciproke ekridegis abrupte.

Mi komprenis laŭ la klarigo de tiu samideano, ke la viro petis de mi cigaredon. Bagatelaĵo! Mi nur vane maltrankviliĝis pro tia bagatelaĵo, se ne pro 'danĝera situacio.' Mi tuj malfermis por li cigaredujon kaj ĝin antaŭtenis. La viro eligis sian langon kaj ekprenis kun ĝojoplena mieno unu cigaredon el la ujo kaj unu alian enmetis en la poŝon de sia grasmakulita surtuto. Mi ankaŭ poste eklernis, ke la lingvo en kiu parolaĉis la viro estis la hungara, terure malbonigita per ĵargonoj. Rilate al la samideano, mi sciiĝis, ke li estante naskita rumano kaj laboristo en Vieno, estis vundita ĉe la karpeo, kaj ke li nun estas survoje al sia hejmlando. Efektive li portis bandaĝon, kiu tamen estis tre malpurigita. " Plezure, plezure! Mi absolute ne sonĝis, ke mi vidos en ĉi-tia loko japanan samideanon." Dum li diris ĉi tiujn vortojn perfekte ravita de mirinda renkontiĝo, unu alia samideano ankaŭ subite enŝovis sin kun salutvorto en nian interparolon: " Bonan matenon, karaj samideanoj!" Estas vere tre strange, ke mi aŭdu denove nian lingvon internacian en tiu sama loko, en tiu sama tempo! Paroli en nia lingvo okaze de kongresoj aŭ de esperantistaj kunvenoj estas tre nature. Tio tamen okazas nur en certaj tempoj kaj lokoj limigitaj. Aŭskultu, karaj legantoj! Ni ja ludis triope, ĉi tie sur la ferdeko, kvazaŭ rolojn en propaganda teatraĵo por Esperanto. Ĉu tio ne estis vera *miraklo de la dudeka jarcento* en Eŭropo, se ne en la mondo?

La rumano estis naskita en Brassö kaj nomata Robert Adolf Fanta kaj la alia samideano, estante civitano de Budapesto, nomiĝis Mauro Bihali.

Prezentu al vi tian scenon ĉe angulo sur la ferdeko, kie babilas tre intime kvazaŭ deinfanaj amikoj tri esperantistoj, el kiuj ĉiu diferencas per sia nacio, sed tamen havas lingvon egale nemulte uzatan en la mondo!

Mi malsuprenvenis antaŭ la salonon al la butiketo, kie mi aĉetis kelke da pomoj kaj ilin dividis inter ni. Mordmanĝante la pomojn, la du ka-

---

**dorloti** あまやかす。**vent'muel'ilo** 風車の製粉臼。**grimaci** しかめ面する。**ferdeko** 甲板。**post'sekvi** ついてくる。**ĉi-tia** こんな。**hazarde** 偶然的に。**supoz'ebl'e** 多分。**kol'um'o** カラー、襟。**surtuto** オーバー。**tren'iĝ'anta** ひきずる。**abrupte** 急に。**klar'igo** 説明。**cigaredo** 紙卷烟草。葉卷は **cigaro.** **bagatel'aĵo** 下らぬ事。**danĝera situacio** 危險狀態。**ĵargono** 俗語。**karpeo** 手頸。**sur'voje** 途中。**hejm'lando** 鄕國。**bandaĝo** 繃帶。**civit'ano** 市民。**sceno** 光景。**mal'supre'n'veni** 下りてくる。**butik'eto** 小店。**efiko** 効果。**vegetarismo** 菜食主義。**aflikt'iĝo** 困難。**domaĝo** 損失。**super'flui** 上をこえる。**land'karto** 地圖。**monotona** 單調な。**sugestia**

maradoj komencis prediki min pri la efiko de vegetarismo, ĉar ili ambaŭ estis fervoraj vegetaranoj sed baldaŭ ili ekŝanĝis sian temon al la post-Militaj afliktiĝoj inter popoloj kaj nacioj kaj tiam ilia parolo aldonis ĉiam pli kaj pli da seriozeco. Hungarujo, el kiu forrabis Ĉeĥoslovakujo kaj Rumanujo multnombrajn nacianojn kune kun la ampleksa teritorio kaj la abundaj materialoj de la nuturo!!! Jen la maldolĉa resento kaj domaĝo de tiu forrabita nacio superfluas en ĉiuj objektoj de la malvarma aŭtuno trans la vastega fluo de 'la Donau!'

Mi nur silente aŭskultadis ilian parolon kaj observadis laŭ la helpo de landkarto ambaŭ bordojn de la rivero monotonajn, sed tamen des pli sugestiajn.

Ĉe Esztergom, nia vaporŝipo trapasis sub la granda ponto, malrapide klinante sur la ferdekon sian kolosan fumtubon, el kiu dense eliradis nigra fumaro. Mi eksentis tra la surtuto agrable varmetan tuŝon de la fumaro.

Grandega kupolo staranta kvazaŭ giganto kun ambaŭ brakoj supren levitaj briletadis blindige. Ĝuste en la kontraŭa direkto, la suno jam estis subirenta malantaŭ la montĉeno Carpathian kaj disjetadis potencan brilon de la lasta momento. Kaj tie, ĉi tie ordostaris aroj da cedrosimilaj arboj.

S-ro Fanta prezentis min al la maljuna ŝipestro, kiu siatempe elpetis min ion enskribi en sia memorkajero. Foliumante la kajeron, mi ektrovis kelkliniojn da impreso, enskribitajn de japano, nomata 'Keiŝi Takahaŝi.'—naskita 'Macue-ano.' Tiu kredeble estis sendito de japana registaro pro iu pristudado. Mi tuj, sidante sur benko, ekprenis plumon kaj enskribis kiel jene:—

"Laŭ la vortoj enskribitaj de la alia japano—S-ro Takahaŝi el urbo 'Macue,'—li estis la unua japano, kiu subskribis en tiu ĉi kajero de la estro. Mi do povus esti la dua, kiu relegas lian impreson.

"Jam nun la lasta rebrilo de l' subiranta suno plene estingiĝis for de la montĉeno Carpathian kaj la ondoj susuras malvarme. Hodiaŭ nokte, kiel soleca vojaĝanto, en Budapesto mi sonĝos sonĝon ensorbitan en la eterne vekiĝantan, malgajan dormadon de la fluo de la Donau."

S-ro Fanta voĉe tradukis tion ĉi por la ŝipestro, dume S-ro Bihali kiu silente kapjesadis, subite ekprenis mian manon kaj diris:

"Mi akompanu vin al la hotelo."

---

暗示的。**kolosa** 巨大な。**fum'tubo** 烟突。**kupolo** 圓屋根。**giganto** 巨人。**blindige** 眼もくらむばかり輝しく。**sub'ir'onta** 沒せんとしつゝある。**mont'ĉeno** 山脈。**ord'o'stari** 列をなしてたつ。**cedro** 西洋杉。**sia tempe** 丁度その時。**memor'kajero** 記念帳。**foli'um'ante** 頁をくりながら。**kred'ebl'e** 多分。**send'ito** 派遣された人。**reg'ist'aro** 政府。**esting'iĝi** 消える。**susuri** サラサラ鳴る。**en'sorb'ita** (魂を)吸ひこまれた。**eterne** 永久に。**vek'iĝi** 目がさめる。**veki** は眼をさます。**Danau** はエス語では **Danubo** といふ。

# FRENEZA DANCO

**Unuakta drameto, originale verkita**

de KOĴIROO NAKAGAKI

| | | |
|---|---|---|
| Personoj: | Pentristo (eksinstruisto) | 35-jara |
| | Juna virino | 20-jara |
| | Juna viro | 27-jara |
| | Rizvendisto | 40-jara |

Tempo: Printempo.

Loko: Eksterurbo de Tokio.

Scenejo: Laborejo de la pentristo.

*Fono estas muro, en kies mezo granda fenestro kun nigra kaj blanka kurtenoj; ĉe la fenestro granda kanapo; meze de la planko—tablo kun du seĝoj; dekstre pordo, eniro; maldekstre profunde pordo, kiu kondukas al najbara ĉambro; dekstre profunde en angulo—farbokesto, tolo, kadroj, apogilo k.t.p.; cetere mizera aranĝo konforme al malriĉa entristo.*



— SCENO UNUA —

Pentristo, en malpura farbomakulita griza bluzo, sola sidas ĉe la tablo, prenas cigaredskatolon sur la tablo, ĝi estas malplena; serĉas en la poŝo kaj elprenas unu skatolon,—denove malplena, maltrankvile serĉas en tirkesto de la tablo, fermas ĝin kun krako; ĝemspiro; eltiras monujon el poŝo de pantalono; esploras la enhavon; Fi! ekkrias kaj jetas la monujon sur la tablon; sonas du tri kupraj moneroj; melankolia mieno. (*paŭzo*) El la tirkesto li elprenas harpincilon, komencas eltiri harojn de sia vizaĝo, rigardante speguleton sur la tablo. (*paŭzo*). Oni frapas la pordon, la pentristo streĉiĝas, aŭdiĝas virina voĉo de malantaŭ la pordo. "Ĉu sinjoro instruisto estas hejme?" Li ekstaras, iras tien kun ĝoja mieno kaj malfermas la pordon, aperas juna virino elegante vestita.

Virino—Bonan tagon, mia sinjoro! Pardonu al mi, ke mi ne vizitis vin longe! Kiel vi fartas lastatempe?

Pentristo—Ha, dankon, dankon! Mi estas tre ĝoja vin vidi, eniru!

Virino (*eniras, ambaŭ sidiĝas ĉe la tablo, virino elprenas papersakon plenan de kukoj el la paktuko, kiun ŝi tenis sur la brako, metas ĝin sur la tablon*).

Pentristo—Ho, vi alportis kukon! Ne estu tiel tro bona! Tamen mi tre dankas! Nu mi devas pretigi

tecn, sed mi tre bedaŭras, ke la teo al mi jam mankas! Ĉu vi tolerus kun blanka akvo? Nenio helpas, atendu! mi boligos.

Virino—Ne ĝenu vin, sinjoro instruisto! Mi prefere trinkos malvarman akvon!

Pentristo—Pardonu! Lastatempe mia afero iras tute malbone. (*Dirante tion li alportas kruĉon kaj du glasojn, komencas manĝi la kukojn avide*). Nu vi ricevis mian leteron, ĉu?

Virino—Jes, sinjoro, mi certe ricevis vian leteron, sed ĝi venis al mi tre prokraste, hodiaŭ matene, ĉar mi jam ne loĝas en la kafejo.

Pentristo—Ha, tion mi ne sciis. Kie do vi nun loĝas?

Virino—En la sama kvartalo, tamen ne proksime de la kafejo.

Pentristo—Ĉu vi jam ne servas en la kafejo?

Virino—Ne, sinjoro!

Pentristo—Kiele do vi kondukas la aferon? Ĉu vi trovis ian bonan patronon? Aŭ eble vi edziniĝis?

Virino (*iom konfuzite nur ridetas*)

Pentristo—Trafite? Ĉu vi….

Virino—Bonvolu esti tiel bona ne demandi pri tio! Mi estas malforta kompatinda virino!

Pentristo—Vi nun fariĝis feliĉa, ĉu ne? Se vi efektive edziniĝis, mi devas gratuli vin! (*Kun malgaja mieno*) Ĉu ne vere?



Virino—Ne diru tiel, mi petas! Mi ne edziniĝis. (*Mallevante la kapon, silentas momenton, kaj poste*). Li estas nur mia patrono, kiel vi esprimis; komence mi esperis, ke li edziĝos je mi, sed….

Pentristo (*kun nekaŝebla malagrableco*)—Ĉu vi estas trompita? Ĉu li jam ne estis senedzina?

Virino—Ne koleru lin, sinjoro instruisto! Mi estas kulpa en ĉio, mi estis tro malforta, sed mi petas, ke vi ne koleru ankaŭ pro mi! Kiel malfacile estas vivi kun pura konscienco, vi povas bone kompreni, por senkapabla senhelpa virino!

Pentristo (*mediteme*)—Ĉu via patrino ankoraŭ restas en la provinco?

Virino—Jes! (*silentas dum momento*). Ŝi multe maljuniĝis kaj malfortiĝis lastatempe, kaj ŝia profesia laboro fariĝis nun tro ŝarĝa por ŝi, tiel ŝi skribis al mi, kaj mi devis konsideri ankaŭ pri tio. Krom tio, la servado en la kafejo fariĝis al mi ne elportebla, vi eble ne povas imagi, kia estas la vivado de kelnerinoj en tia kafejo. Ĝuste en tiu tempo aperis antaŭ mi la homo, sub kies protekto mi nun vivas, kaj lia propono min allogis.

Pentristo—Ĉu vi loĝas kun li kune?

Virino—Ne, mi loĝas sola en aparta ĉambro de iu floraranĝistino. Li vizitas min de tempo al tempo.

Pentristo—Nome, kiel kromvirino, ĉu ne?

Virino—Jes, mi tre hontas, ke mi ne povas nei tion.

Pentristo—Hm, tamen ne hontu tion, se vi nur lin amas.

Virino—Viaj vortoj estas tro akraj por mi, jes, komence mi estis tre feliĉa, ĉar mi amis lin kaj havis esperon edziniĝi je li, sed eksciinte cirkonstancojn kaj lian tutan konduton, mi tute malesperiĝis kaj ne povas lin ami kiel antaŭe.

Pentristo—En tia okazo, vi devas pripensi, vi devas klopodi iel liberiĝi de li. Kia homo li estas?

Virino—Filo de iu potenca politikisto. Tial, laŭ lia diro, liaj gepatroj ne permesas preni min kiel lian edzinon, kvankam li estas ankoraŭ senedzina junulo.

Pentristo—Mi komprenis! (*forta malagrableco montriĝas sur lia mieno*) Antaŭe vi ĉiam venadis al mi por peti mian konsilon. Mi tre bedaŭras, ke vi ne sciigis al mi pri tia gravega afero. Ĉu vi ne pensas pri tio, kiel mi ĉiam deziras al vi feliĉon? Kiel mi forte deziras vian feliĉon, ĉar vi estas sola homo, kiu ĝis nun tenas intimecon kun mi el miaj amataj gelernantoj. Kvankam mi vivas tiel mizere, kiel vi vidas, tamen mi spertis iom pli multe ol vi en la mondo. Mia zorgo ne farus al vi ian malutilon. Tamen, nenia helpo! Kio pasis, jam ne revenas. Ne pensu, ke mi vin riproĉas, ne ĝeniĝu!

Virino (*per naztuko viŝas la okulojn*)—Dankon, mia bona sinjoro! Mi neniam forgesas viajn zorgojn. Mi



nun pentas, ke mi ne volis peti vian konsilon. Tiam, konfese, mi timis, (*kun maldolĉa rideto*) ke vi estus tro severa, ĉar mia nesperta juneco tiel forte esperigis al mi edzinan feliĉon, ke mi forgesis gardi min de l' malĉasta intenco de l' viro.

Pentristo (*faras senkonscian serĉadon en siaj poŝoj, maltrankviliĝas, ellasas longan spiron, ekstaras, iras al la najbara ĉambro, revenas kun duoneluzita cigaredo en la buŝo kaj ekbruligas*)

Virino—Pardonu, sinjoro! Al vi mankas cigaredo, ĉu ne? Mi iros aĉeti. (*Rapide eliras*)

Pentristo—Ha, mi nur dankas!

— Sceno Dua —

Pentristo (*Vagante en la ĉambro*)—Ĉu mi ankaŭ devas honti antaŭ ŝi? Ŝajnas, ke mi pikis ŝin tro forte, tamen pesto forprenu la viron, kiu difektis mian Minjon! (*denove sidiĝas, manĝas kukojn, trinkas akvon abunde. Dume aŭdiĝas de ekster la pordo vira voĉo diranta:* *Ĉu Sinjoro Sasaki estas dome?*

Pentristo—Kiu ĝi estas? (*La pordo malfermiĝas kaj aperas rizvendisto kun polvokovrita vizaĝo kaj vesto.*)

Rizvendisto—Ha! Pardonu min sinjoro! Mi alportis la kalkulon.

Pentristo—Kalkulon?—Ĉu vi ne alportis rizon, kiun mi mendis antaŭ hieraŭ? Speciale por tio tiam mi

pagis kvin jen', ĉu ne? Ĉe mi restas plu neniom da provizo; de hieraŭ mi ne povis kuiri.

Rizvendisto—Tion mi ne scias, mi nur bedaŭras, ke mi ne povas plu alporti al vi, ĉar via ŝuldo iom tro grandiĝis. Mi estas malriĉa vendisto, krome ekonomia krizo lastatempe multe turmentas min.

Pentristo—Tion mi ne scias, mi nur esperas, ke vi plenumu la promeson, kiun vi faris kun mi antaŭ hieraŭ.

Rizvendisto—Sed en tia okazo, via ŝuldo neniam malgrandiĝas.

Pentristo—Nenio helpas, ĉar mi ankaŭ turmentiĝas pro la ekonomia krizo. (*Dume la virino revenas kun kelkaj skatoletoj da cigaredoj, la rizisto esplore okulaĉas la virinon*)—tamen, ne ĉiam mi restos tiel senmona; se mi akiros tiom da mono, mi tuj pagos al vi, alportu do almenaŭ duonon de tio, kion mi petis, ĉi tiun fojon.

Rizvendisto—Mi ne povas.

Pentristo—Ĉu vi nur postulas pagon kaj ĉesos plu alportadi rizon al mi?

Rizvendisto—Nenia helpo!

Pentristo (*kun ĝenita rideto*)—Tiam mi devas aĉeti de alia rizisto, kaj al vi mi pagos plu neniom, ĉar mi ne povas vivi sen rizo.

Rizvendisto (*altigas la ŝultron, montras koleron malkaŝe en la vizaĝo, preskaŭ krias per akra laŭta voĉo*)—Ĉu vi diras, ke vi ne pagos plu?

Pentristo—Kion vi faros, se mi ne volus pagi?

Rizvendisto—Ne mankas rimedo, mi konfidos la aferon al iu peristo! La leĝo ankaŭ ekzistas por tia okazo!

Pentristo (*indigno montriĝas sur lia vizaĝo, sed tuj anstataŭas ĝin ironia rideto*)—Ha, ha, ha! Bone! Faru kiel vi volas kaj povos! Tamen vi devas ekscii, ke mi estas tro malriĉa por persekuti laŭleĝe, ĉar, kiel ajn la leĝo estus potenca, ĝi ne povus eldevigi el la mano de homo, kiu havas nenion. Kiel ajn la aferisto estus severa, ne povus forpreni ion el nenio. Vidu, kio estas en mia domo. La pentrilaro kun manko de kelkaj farboj, malplena rizkesto, nesufiĉaj kuiriloj kaj manĝiloj, mizera litaĵo, malnova tablo kun du seĝoj kaj tiel plu, estas mia tuta posedaĵo. Kaj tiajn objektojn escepte nur la tablon kaj seĝojn, eĉ leĝo protektas por mi. Mi lasos vin traserĉi tutan domon, vidu per viaj propraj okuloj, se vi ne kredas min.

Rizvendisto—Tion mi ne bezonas.

Pentristo—Al mi ŝajnas, ke vi volas hontigi min per la ŝatinda laŭta voĉo antaŭ tiu ĉi sinjorino, sed ŝi jam de antaŭe bone konas mian mizerecon! Estu pli saĝa min ne kolerigi! Konsideru, ke senhaveco estas firma fundo, de kie oni plu ne povas fali, nek subiri. Viaj malspritaj minacoj min ne timigas.

## 學會より

本欄に於て學會庶務會計部の內情を聊か申上げ日頃の行屆かざる點の御諒承を乞ふと共に當部の希望を申述べ皆樣に何分の御考慮を御願ひする次第である。當部の分擔事務は文書受付整理竝に發送、會員名簿管掌、機關誌及書籍の發送、會計簿保管、基本金管理、財産保管、郵便振替事務の處理、豫算、立案決算報告書作成、主務官廳への事業報告、其外一般雜務事項で有りますが、扨以上の事務を處理する爲めに有給の專任事務員が一人でも置いて有るかと言ふと遺憾ながら無いので有ります。然し無くても過去十年の歲月を大過無く以て今日に及んで居るので有ります。これは從來より幾多の熱心なる同志諸君が入代り立代りエス語運動確立の爲めに本會の下僕となりて學業或は職務の餘暇を裁いて處務に獻身されて居るからで有りますとは言へ今後益々本會の事業は健實なる發展に伴ひその事務も從つて複雜に成つて來ます事は明らかで有ります。そこでどうしても此上尙一層皆樣の御理解と御援助を受けないと事務が圓滑に參らないので有ります、例へば本會活動の唯一財源である會費の拂込を前金切にならぬ前亦は前金切の通知を受けられたら返折し御拂込下さる等は非常に當部の手數が省けるのです。從來より會費前金切の場合はその切れる月よりレヴォ誌發送封筒面に前金切なる朱印を押し且つ振替用紙を挾込んで二ケ月程續けて御知らせし御拂込が無い節は別に書狀を以て更に拂込方を督促し且つ尙拂込が無い場合は集金郵便を差向けて居るので有りますが之も拒絕された場合は不止得除名の形式を採つて居るのです。集金郵便の方法は差向けられた方でも可成氣分の良いもので無いでせうが出す方でも厄介なもので其上支拂拒絕をされた場合は料金を遞信省に取られて仕舞ふので何により辛い仕事の一つです。集金は規則に依つて一口3.00圓以下は取扱はず普通會員には一ケ年と二ケ月半卽ち2.90圓それに集金料0.10圓を附加3.00圓とします、正會員には一ケ年分3.00圓に集金料0.10圓を加へ3.00圓と致しますから御支拂下さると學會は非常に助かるのです。總て學會への送金は振替を御利用下さる事が尤も確實です只振替は貯金局へ經て通知が來るので多少時日を費しますが裏面の通信には要件の記載が出來ますから便利です、それで送金の要旨をはつきりと記入願ひます。會費請求を間違つて往々既納者に差上げる事も無いとは限りませんから其節は一應御照會願ひます、次に振替にて書籍の注文をされた場合に可成日數を要しますので不安を感ぜられ御照會下さる方が有りますが上記の樣な譯と事務の關係で若干發送が手間取る事が有りますので此點何卒御含みの上御寬容の程を願つて置きます。次に本年度より學會が直接洋書取次開始致しましたが初めての試みで有つて購買者の意向もわからず取寄部數にも限りが有つて御猶豫を願ふ等の不始末を致して居りますが併せて御詫申上げます。追々と皆樣の期待に沿ふ樣に努めます。轉居された節は新舊住所明記速に御通報下さい、又都合に依り退會される場合等も御通知下さる事を御願して置きます。御通知が無く且つ會費でも切れて居りますと當部としては前述の如く無駄な骨折をしなければならないのです。

## 會員の聲

### 奇麗に簡單に出來る綠星旗の造り方

ピクニーコの折、或はカフエーヨなどに於けるクンベネーノの折、綠星旗を持參し或は卓上に立てゝおく事は非常に宣傳に有利であります。旗には綠星のみならず、どうしてもエスペラントと云ふ字を書き加へておかないと効力がありません。毎土曜、銀座明治製菓喫茶部の二階で催されて居る自由會合に於ては卓上の小旗が如何に雄辯にエス語を宣傳して居る事でせう。其處で、如何なる小さな集りも夫々クラブ名入りの綠星旗を造つて其を有効に使つて頂きたい。これから其の染め方をお敎へします。

布地は隨意ですが絹物、麻、モスの類が一番よいでせう。先づ所用の旗地の下へ、下圖の紙を敷く。次に皿へ蠟(何の蠟にても宜し)を溶かし、トロ火に掛けたまゝ新しい筆にて染めてはならぬ部分を塗る。これは全部塗る必要はありません。染める部分を染めない部分の輪廓を四分程ぬればよいのです。ですから文字を綠地に白くぬく時は文字を蠟で書き綠地と星を取り圍む白地との輪廓を四分程蠟でぬればよろしい。蠟書が出來たらアルス染料を適當に水でうすめて筆で染めます實は此の染料があるので蠟染めの樣な簡單な染色が出來るのです。此のアルス染料は書いた丈で完全な染色が出來ますからそれ以上

蒸したりする必要がありません。販賣元は、東京日本橋區小舟町一、桂屋商店で、色は十二色、小瓶（座蒲團位の旗ならば十枚以上出來るでせう）廿五錢です。地方の方で手に入れる事の困難な方は私の處へ送料（六瓶迄十二錢）共小爲替で代金を送つて下されば便宜御發送致します。

綠は二倍以上水で薄めないと濃過ぎていけません。染料を含ませたら火で乾かさないで自然に乾かし、其れを新聞紙三四枚上下の中にはさんで上からアイロンを掛けると蠟がすつかりとれます。片側から染めた丈でも結構ですが、兩側から染めたい時は裏側から又染料をぬります。併し此の時は蠟が完全に裏迄透つて居ないと奇麗にあがりませんから、注意して塗る處以外に筆を走らせない樣にするか、或は裏から又同じことを繰りかへすかで併し片側丈で立派な旗が一時間位で出來上ります。四五人のクラブでもクラブ名入りの綠星旗を造つて大いに利用して下さい。（東京市外瀧野川田端五〇〇番地　大橋介二郎）

**★ R. O. 誌編輯上の希望 ★**

★本誌に毎月連載の講座もの卽ち初等、中等、文法講座等又和文添削欄はなるべく切りとつて保存する必要上奇數頁から偶數頁に終る樣にしていたゞきたく存じます。學會では同誌を一年分合本にする方針の樣ですが我々勉學者にとつてはその方が好都合です。又初學者同志貸し合ふのにお互に便利だと考へます。この事は今後の講座に於てぜひ實行して戴きたく思ひます。そしてこれは不可能かもしれませんが出來れば最後の文藝もののエス譯も（例へば三月號の「一休の一日」の如き）本誌をほどいて折りたたんだなら小さいパンフレツトになる樣に印刷していたゞいて自分で表紙をつけて保存するといふ樣なことがやれると非常に便利ですが。このことは折りたゝんで頁が都合よくゆく樣にするため編輯上大變面倒かと思ひますが一つ骨を折つていたゞけないでせうか。他の諸君の御意見承りたし。（神奈川縣　伊藤幸太郎）

★編輯部より——本誌の各原稿を奇數頁から偶數頁へくむといふ事は手數の上では別になんでもない事なのです。この事はもと元學會理事の何盛三氏もよくいつてをられ一度そういふ風にして見たのですが併し雜誌を切拔いて保存せられる人は會員の中のごく少數の方で大部分は雜誌を雜誌としてお讀みになる方が多いのです。雜誌を毎月毎月讀む人にとつては奇數頁から偶數頁へかいてあるより偶數頁から奇數頁へかいてある方が數倍便利ですそれで當部では大變努力して各原稿とも偶數頁から奇數頁へ組む樣苦心してゐるのです。それで貴下の樣にお考へになる方々にとつては大變お氣の毒ですが併し本誌は先づ雜誌である事が主體ですからこういつた樣にした方がよくはないかと思ひます。我々がよく買ふ〇〇講座といつた樣な講義錄體のものは大抵お說の樣な編輯ぶりですが編輯者としてはそれの方がずつと努力を要せないし寄稿家の方も至極のんきでよいのです。といふのは毎月きりとつて保存する樣に二頁分原稿をかく事にすれば話をどんな途中で切つても差支へない事になつてくるからです。毎月讀み切（初等講座の如き）にするためにはらふ努力は可成苦しいのです。卽ちお說の樣に編輯する事は我々編輯者にとつては却つてありがたい事ですが、これ迄もいろんな方々の御意見で雜誌はどこまでも雜誌で講義錄でないから毎月切りとつてとぢあはせる樣な講義錄的なやり方は本を賣る樣でよくないといはれた事が多かつたので現在の樣な狀態になりました。

本誌の終にある日本の文藝ものその他のエス譯文も實をいへば貴下の御意見の樣にその頁だけやぶつて保存する樣に組んだとて別に大した努力もいらないのですがそうするとやはり上述の樣な非難をうける事が多いのです又貴下の樣に熱心にその雜誌を切りとつて折りたゝんでとぢあはされる人ばかりですとよろしいが大抵の方はそんな面倒な事をされませんから貴說の如く印刷すれば雜誌のまゝでは讀みにくゝなつてだめなのです。本誌を雜誌として一度よまれた後で又パンフレツトの如く單行本の如く活用される事は我々編輯子にとつては大變ゆかいです（一つの原稿をそれほど活用していたゞく點に於て）が上述の樣な事情で貴說の如き編輯には大きい反對がありますからやはり雜誌は雜誌の體裁をとるより方法がないと思ひます。

併し何にいたしましても本誌へ揭載した原稿はすべて紙型として保存してありますから講座ものや文藝もの等は他日又單行本として二度の勤めをする筈ですから（その時は雜誌に一度だして紙型にしてあるので費用がやすくなりますから低廉な價で賣れます）その時瀟洒たる單行本となつたのをお買ひ求めねがひたいと存じます。雜誌はやぶらずに雜誌のまゝで保存される時は大きなエス運動史の紀念物となります。本誌の一年分の合本を學會でうるのもその意味からです。學習用といふよりも historiaĵo としての價値からです。

# ☞ 學會取次洋書目錄 ☜

**★洋書は如何なる場合でも前金註文でなければお送り致しません★**

### 〰〰 ザメンホフ博士譯著書 〰〰

定價圓(送料錢)

★Fundamenta Krestomatio 1.30（8） ★Marta 1.30（8） ★La Batalo de l' Vivo 0.55（4） ★Rabistoj 0.80（4） ★Revizoro 0.80（4） ★Ifigenio en Taŭrido 0.80（4） ★Hamleto 0.70（4） ★Rabeno 0.55（4） ★Rakontoj el Biblio 0.30（2） ★Georgo Dandin 0.45 (4) ★Andersen, Fabeloj I 0.80 (4) ★Lingvaj Respondoj 0.70 (4)

### 〰〰 エスペラント原作文藝その他 〰〰

★Vivo de Zamenhof D-ro Privat の流麗な筆になるザ博士傳、人類人主義の聖典、萬人必讀の書、英國版上製(邦譯『愛の人ザメンホフ』あり）…1.60（6）

★Historio de Esperanto D-ro Privat 著、敍述流達、上卷：1887-1900年；下卷：1900-1927年…上卷 0.85 (4) 下卷特上製 3.10（6）

★El la Intima Libro Ada 氏等ブルガリヤエスペランチスト諸家の隨筆集…………0.30（2）

★Malriĉa en Spirito 原作界の大家 Bulthuis の二幕の劇………………0.30（2）

★Rememoroj de Esperantisto 講習會好適、十部以上註文は一割引送料當方持………0.40（2）

★Mirinda Amo Luyken 作、偉大なる母愛、純なる乙女の愛………………1.90（8）

★Pro Iŝtar 處はアラビヤ、時は紀元前、Luyken 力作の大衆文藝………………3.65（8）

★Lilio 女流 esperantisto として有名な Sinnotte 夫人の原作小説………………1.35（6）

★ Saltego trans Miljaro 原作界の麒麟兒 Jean Forge 作、奇想天外………………2.85（8）

★Abismoj 構想の奇、描寫の妙、行文の輕、Jean Forge 出色の傑作………………1.55（4）

★Landoj de l' Fantazio Heroldo 誌主幹 Jung 作、意表に超絶、………………上製 2.65 (12)

★Jozef kaj la edzino de Potifar Bulthuis 近著大作………………並製 1.70（10）

★Laŭroj 嘗て文藝雜誌 La Revuo の懸賞に當選した原作名作集………………0.80（4）

★Prozo Ridetanta 諧謔作家 Schwarz の散文數篇を輯む………………1.50（6）

★Verdkata Testamento Schwarz 氏得意の壇上、諧謔詩集………………1.00（8）

★Krioj de l' koro 雄辯界の一人者 Grenkamp が青春の詩集………………0.15（2）

★Vortoj de Cart エス學士院長キヤール教授著論說集、眞乎名著………………1.10（6）

★Rompantoj Valjes monologoj 五篇を輯む、身振の寫眞入………………0.40（2）

★Tri Angloj Alilande 英國三人男海外旅行奇談、抱腹絶倒………………0.55（2）

### 〰〰 世界文藝名作の飜譯 〰〰

★Venecia Komercisto 沙翁劇ベニスの商人、人肉裁判、Wackrill 譯………………0.80（4）

★La Reĝo Lear 末娘に救はれる悲慘なリヤ王の運命、沙翁悲劇………………並製 1.45（6）

★Songo de Somermeza Nokto 沙翁劇「眞夏の夜の夢」………………0.40（2）

★Palaco de Danĝero 妖艷 Pompadour 夫人の戀愛葛藤、Payson 譯………………3.10（6）

★Faraono 地も燃ゆる古代埃及王ファラオの戀。全三卷 630 頁大作………………3.20（16）

★Luno de Izrael 大衆文學作家として有名な Haggard 作、Payson 老譯………………1.90（6）

★Aspazio Svjentoĥovski 作 Leono Zamenhof 博士譯の悲劇………………0.80（4）

★Tatterly 奇々怪々探偵小説 Tom Gallon 作、Wilson 譯………………0.55（4）

★Bukedo (I, II) 原作及び各國語より譯の文藝作集………………二册で 0.60（4）

★Tagolibro de Vilaĝ-pedalo Blicher 作、Bulthuis 譯、人生の指針………………0.30（2）

★Stranga Idilio 記憶を失つた男の奇しき物語、譯文頗る平快………………0.30（2）

★Vojaĝo interne de mia Ĉambro Xavier の隨筆、哲味横溢………………0.25（2）

★Interrompita Kanto 王子と少女の戀、オルゼシコ女史作、Kabe 博士譯………………0.25（2）

★La Marŝparulo オーストリヤの知名作家 Raimund 作の三幕物、美本………………1.00（2）

★Aventuroj de Kalifo Alraŝid アラビヤ夜話よりの一篇、Cox 將軍譯………………0.15（2）

★Improvacio de Konrad ポーランドの詩聖 Mickiewicz 作、Grenkamp 譯………………0.15（2）

★Penseroj 世界の哲人文豪等の片語金言、Grenkamp の譯筆………………0.20（2）

★L. Tolstoj : Tri Rakontoj 宗敎々訓の物語、Sidlovskaja 夫人譯………………0.85（2）

★ザメンホフ博士肖像畫 0.25（4）

## ～～～ Ilustrita Biblioteko 叢書 ～～～

Angreni は 0.50（2），他は 0.25（2）

Devi Angreni ジヤバの物語

Ribelemaj Virinoj 王昭君物語(劇)

Sakuntala 印度物語

Mil kaj unu Noktoj アラビヤ夜話

## ～～～ Internacia Mondliteraturo 叢書 ～～～

各册 0.70（4） 但し倍號は 1.40（6）

Hermano kaj Doroteo, Goethe

Legendoj, A. Niemojewski

Elektitaj Noveloj, Turgenev

La Nigra Galero, W. Raabe

El la Camera Obscura, Hildebrand

El la Skizlibro, Wash. Irving

La mirinda historio de Schlemihl

Nuntempaj Rakontoj, Samatov

Deklaracio, T. Ariŝima (倍號)

Ses Noveloj, Allan Poe

La firmao de la kato, Balzac

Orientaj Fabeloj, Doroŝeviĉ

Noveloj, Sienkiewicz

Insulo de feliĉuloj, Strindberg

Barbaraj Prozaĵoj, Bertrana

Ano de l' ringludo, Ŝimunoviĉ

Hebreaj Rakontoj, Ŝalom-Aleĥem

Tri Noveloj, Puŝkin

Servokapabla! Marcus Tybout

## ～～～ Esperanta Biblioteko Internacia 叢書 ～～～

各册 0.18（2） 但し Japanaj Rakontoj は 0.36（2）

Bona Sinjorino, E. Orszeszko

Rusaj Rakontoj, M. Sibirjak

Don Kiĥoto, Servantes

Japanaj rakontoj, Ĉif (倍號)

Amoro kaj Psiĥe, Apulejus

Bulgaraj Rakontoj, Vazov

Komerca Korespondo, J. Borel

Konsiloj pri Higieno

Reĝo de la Ora Rivero, Ruskin

La Lasta Usonano, Mitchell

La Instituto Milner, J. Jullien

La Patrino, Ernst Zahn

La Amkonkurantoj, Schimdt

## ～～～ 科 學 社 會 商 工 業 ～～～

★Monadologio de Leipniz ライブニッツのの單元論、譯は故學士院長 Boirac 博士……0.20（2）

★Eklumo en Abismo Henri Barbusse の論文、歐洲の將來……………………0.45（2）

★Sendanĝereco de Francujo 外交裏面史前佛國大臣 Honnorat 著……………0.50（4）

★Antikva Romo Surmare 英雄か奸雄か世界の大立物 Benito Mussolini の著………1.00（6）

★Komerca Vortaro 商業語辭典(エスペラントで解釋) 上製……………………1.45（4）

★Vendreda Klubo 獨逸エス界知名十一大家の論文を輯む……………………1.25（4）

★Bahaj Instruoj 世界の新宗教バハイ宗の啓示……………………………0.05（2）

## ～～～ 學 習 用 書 辭 典 類 ～～～

★Tra la Jaro 自然教授法式による各國人用老幼向の教科書、輸入……………………1.10（4）

★Universala Esperanta Lernolibro Möbusz 著各國人用、教師用書を付す。二册で…1.85（4）

★Esperanto Teacher ……………0.55（4）

★Grammar and Commentary………1.90（6）

★エス佛大辭典 ……………………0.80（4）

★Millidge: エス英大辭典 ………4.30（8）

★Rhodes: 英エス大辭典 …………2.00（12）

★Edinburgh エス英・英エス辭典 …0.90（2）

★Vocabulair Technique et Technologique Francais-Esperanto ……………………0.55（8）

★Oficiala Klasika Libro エスペラント語彙解釋(佛英獨)必携……………………0.40（2）

★Refleksiva Pronomo en Esp. Akademio 文法部長 Lippmann の研究發表…………0.25（2）

★Supera Kurso 高等研究教科書、言語委員 D-ro Dreher 著 ……………………0.45（2）

## ～～～ 新 着 書 ～～～

★Rudolf Mosse の Biblioteko Tutmonda 叢書 Serio I (6册) Serio II (5册) 各 Serio 2.00（8）

★Sep Rakontoj 古い E-isto Ivan Malfeliĉulo 原作短篇集 ……………………0.55（4）

★Karto Mistera Cleveland Moffett 作 Payson 老譯小說 ……………………0.30（2）

★Perdita kaj Retrovita 故エス學士院長 Boirac 博士原作 ……………………0.10（2）

★Portreto 露文豪ゴーゴリ作小說、譯は Andreo Fiŝer 故摸範的 ……………………0.55（4）

★Reĝolando de l' Rozo Arsène Houssaye 作小說、譯は P. Champion………………0.20（2）

★Ruĝa Floro 露文豪ガルシン作小說、K. Boguŝeviĉ 譯 ……………………0.10（2）

★Mimi 戰爭中の巴里カルチエルラタンの生活、Payson 老譯 ……………………0.40（2）

★Pri la Origino de l' Homo 人類の起原と進化、Arthur Keith 著 ……………………0.95（4）

---

## KORESPONDA FAKO

★Japanujo:—S-ro Jutaroo Katoo, Kijohoriĉo 4, Higaŝi-ku, Osaka, kĉl IP. L. G, nepre resp.

★Japanujo:—S-ro Nishida Shiro, 114 Kasugaeĉo I-ĉome, Mijakeĵima, Kitaku, Osaka; kĉl. L.

★Rusujo:—S-ro Ĥarlamov Aleksandr, Serpuĥov, Moskva gubernio, Kaluĵska ul. domo 89; 日本勞働者と文通希望。

★Japanujo:—S-ro K. Horiuĉi, Hatagaya-8, Yoyohata-maĉi, Tokio; kĉl. kiuj havas intereson pri la studo de historio de internac. lingvoj.

★Japanujo:—S-ro Makoto Kaŭabe, N-ro 135, Jûsan-nishino-machi, Higashiyodogawa-ku, Osaka; kĉl. precipe k. rumanoj, belgoj, svedoj, hispanoj.

★Japanujo:—Ŝimazaki-Toŝikazu, 239, Fuĵioka-maĉi, Gummaken; L, IP.

La Revuo Orienta—Monata Organo de Japana Esperanto-Instituto,
Ŝin'ogaŭamaĉi III-15, Uŝigome, TOKIO, Japanujo; abono internacia 7 svis. frankoj.

昭和四年五月一日發行（毎月一回一日發行）
エスペラント研究雜誌ラ・レヴオ・オリエンタ第十年第五號

我國に於けるエスペラント普及・研究・實用の中心機關

# 財團法人日本エスペラント學會

【東京市牛込區新小川町三の十五】【振替口座東京11325番】

◆すべての運動は大衆の協力に俟たねばならぬ。今やエスペラント普及運動は最も多衆の協力を必要とする時だ。各地同志の大同團結が必要だ。個々人の叫びは個々人の叫びにすぎない。大衆の叫びは輿論の喚起だ。組織だつた協力こそ眞の力だ。
◆エスペラントを愛するものは誰しも御入會下さい。（會員は法規上維持員とよぶ）

**目的** エスペラントの普及、研究、實用

**事業**
(a) エスペラントに關する各種の研究調査及其發表
(b) 雜誌及圖書の刊行等
(c) 講演會、講習會の開催及後援
(d) 其他本會の目的を達成するに必要と認むる事業

**會費**
(a) 普通維持員　年額2圓40錢　(b) 正維持員　年額3圓
(c) 贊助維持員　年額5圓　(d) 特別維持員　年額10圓以上
(e) 終身維持員　一時金100圓以上

**入會手續** 住所、職業、姓名（振カナ附）を明記し會費一年分を支拂へばよい。（振替送金最も安全）

**會員の特典**
1. 毎月研究雜誌"La Revuo Orienta"の配布をうく
2. 出版圖書の割引をうくることあり
3. 語學上の質疑其他一般の問合の返事をうく
4. 宣傳の「栞」その他宣傳材料を無料でうくることを得

詳しいことは直接お問合せ下さい

## 役員名簿（五十音順）

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 理事長 | 理學博士 | 中村精男 | 理事 | | 美野田琢磨 |
| 理事 | | 秋田雨雀 | 同 | 慶大教授醫學博士 | 望月周三郎 |
| 同 | | 上野孝男 | 同 | 東京朝日新聞顧問 | 柳田國男 |
| 同 | 東京女子大學教授 | 河崎なつ | 同 | 鐵道技師 | 小坂狷二 |
| 同 | 中央大學教授 | 川原次吉郎 | 同 | | 大井學 |
| 同 | 帝大教授文學博士 | 黒板勝美 | 同 | | 三石五六 |
| 同 | 政治教育會長 專修大學教授 | 小林鐵太郎 | 監事 | 高層氣象臺長 | 大石和三郎 |
| | | | 同 | 東京府會議員 | 木崎宏 |
| 同 | 帝大名譽教授 文學博士 | 高楠順次郎 | 同 | | 清水勝雄 |
| 同 | 東京朝日調査部長 | 土岐善麿 | 顧問 | 帝大教授 法學博士 男爵 | 穗積重遠 |
| 同 | 帝大教授醫學博士 | 西成甫 | 同 | 子爵 | 三島章道 |

本誌購讀料（郵税別）

| | | |
|---|---|---|
| 一部 | 圓0.20 | 學會持維員には無代頒布す |
| 半年分 | 圓1.20 | |
| 一年分 | 圓2.40 | |

本會振替口座番號
一般　東京 11325番
會計用　長野 3283番
基本金專用　東京 32089番

昭和四年四月十五日印刷
昭和四年五月一日發行
編輯兼發行人　東京市牛込區新小川町三ノ一五　大井學
印刷人　東京市神田區三崎町三ノ一四六　高見澤保芳（一匡印刷所）
發行所　東京市牛込區新小川町三ノ一五　財團法人日本エスペラント學會

定價貳拾錢（送料貳錢）